



3/2008
Aprilo/Majo
Bulteno de Hamburga
Esperanto Societo r. a.
Organ des Esperanto-Vereins
Hamburg e. V.

# La klubo havas novan estraron

a nova estraro de maldekstre al dekstre: Ralph Glomp (vicprezidanto), Peggy Ley (protokolo), Jan-Christof Hienerwadel (junularo), Kerstin Baasch prezidantino), Vesna Staniĉiĉ-Burchards, Jürgen Wulff, Gerald Roemer (kasisto).

n longdaŭra jarĉefkunveno la membraro elektis la 14an de Februaro novan estraron. Ne estis facile trovi kandidatojn ĉar la efa problemo estis ke neniu volis investi tiom da tempo en la estrara laboro por la klubejo. Tial la jarĉefkunveno decidis endi la klubejon. Pri tio vi pli detale legos sube.

| | |
|---|---|
| **Editoraĵoj**<br>Eldonanto: *Hamburga* | **Karaj legantoj,**<br>tiu-ĉi informilo estas la |

| | |
|---|---|
| *Esperanto-Societo r. a.*<br>Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg<br>Telefono: +49 40 250 30 65<br><br>Prezidantino: *Kerstin Baasch*<br><br>Redaktoro de tiu-ĉi informilo: *Jürgen Wulff*<br><br>Retpoŝto: Esperanto-Hamburg | unua kiun ni ankaŭ sendas kiel elektronika dokumento.<br>Kompreneble ni tamen sendas al ĉiuj paperan version kiuj tion deziras.<br>La membroj kiuj ne havas retan poŝtkeston kiel kutime ricevas la informilon en papera formo.<br>Dum la lastaj du monatoj multe okazis en nia klubo. Pri la gravaj decidoj de la jarĉefkunveno vi legos sur la venontaj paĝoj.<br>Ankaŭ denove necesis riparigi intence detruitan vitraĵon.<br>Se ni ne vidos nin dum la klubaj vesperoj estas sufiĉe da aliaj eblecoj ĝui Esperantan etoson, ekzemple dum la jubilea aranĝo de Dana Esperanto-Asocio en Aprilo aŭ dum Germana Esperanto-Kongreso en Essen en Majo 2008.<br>Al nia regula redaktoro Benno Klehr pro malsano ne eblis redakti la informilon. Li denove estis dum semajnoj en hospitalo kaj nun ankoraŭ restas hejme. Ankaŭ nia membro Frank Merla pro leŭkemio momente ne laboras. Ni deziras al ambaŭ baldaŭan resaniĝon!<br><br>*Jürgen Wulff* |
| Redaktofino de  n-ro 4/2008: 15-05-2008 | |
| **Sentenco**<br><br>Ne ekzistas seninteresaj aferoj,<br>nur ekzistas seninteresaj homoj.<br><br>*Gilbert Keith Chesterton* | |

**Karaj membroj de Hamburga Esperanto-Societo,**

al la jarĉefkunveno la 14an de Februaro venis 24 membroj. Tiu estas granda nombro rilate al la membronombro de 51. Oni povas diri ke preskaŭ ĉiuj

aktivaj membroj venis.

La plej grava tasko de la kunveno estis la elekto de nova estraro. Tio estis aparte malfacile ĉar Jürgen Wulff ne plu kandidatiĝis. La malnova estaro ne sukcesis trovi kandidatojn por la prezidanta posteno.

Dum la jarĉefkunveno montriĝis ke la ĉefa problemo estis la daŭra laboro por nia klubejo. La domo estas el la 50aj jaroj kaj daŭre necesas riparoj aŭ aliaj laboroj. Tiu tempo mankas al la laboro por nia lingvo Esperanto. Tial necesis unue decidi pri la kluba domo. Do la kunveno diskutis la diversajn eblecojn:

1a ebleco: teni la domon. Necesus persono kiu prizorgas la domon aŭ grupo de membro kiu okupiĝas pri la diversaj taskoj. Krome necesus trovi aŭ novan luanton aŭ mem financi la domon. La nuna luanto ekde Majo 2007 ne plu pagas pro bankroto kaj ĝis nun ne troveblis nova luanto kiu pretas pagi la necesan lupagon. Kelkaj membroj diris dum la kunveno ke ili pagus monate sumon de 20-30 Eŭroj por teni la domon. Sed estis tro malmultaj por pagi ĉiujn kostojn.

2a ebleco: vendi la domon. Necesus trovi lokojn por renkontiĝi dum la klubaj vesperoj kaj por la biblioteko. Oni povus ekzemple renkontiĝi en kulturaj aŭ urbopartaj domoj. Krome iu devas organizi la vendon de la domo.

Post longdaŭra diskuto la jarĉefkunveno decidis vendi la domon. Tio kompreneble daŭros ankoraŭ kelkajn monatojn. Ni devas ja trovi aĉetanton kaj antaŭe multon organizi.

Post tiu grava decido ankaŭ eblis trovi la novan estaron kiun vi vidas la unua paĝo de la informilo. Ankaŭ la eksprezidantoj Jürgen Wulff kaj Vesna Staniĉiĉ-Burchards denove estas en la estaro por helpi per siaj spertoj.

La klubo montris sian vivokapablon. Nun estas nia tasko antaŭenrigardi. Estos gravaj ŝanĉoj en nia kluba vivo en la venontaj jaroj. La estraro invitas ĉiujn membrojn kunhelpi kaj kunlabori por ke ni povu ankaŭ estonte bone labori por Esperanto.

| | | |
|---|---|---|
| *Kerstin Baasch*<br>prezidantino | *Ralph Glomp*<br>vicprezidanto | *Jürgen Wulff*<br>eksprezidanto kaj membro de la estaro |

**Intence detruita vitraĵo**

La 7an de Marto viro per la piedo intence detruis la vitraĵon de la enirejo pordo de nia klubejo. Nia luanto vidis tion la venontan tagon kaj telefonis al Jürgen Wulff.

Ni estis devigitaj provizore riparigi la vitraĵon je dimanĉo. Al nia luanto venis atestanto kiu diris ke li konas la homon kiu detruis la vitraĵon. La polico nun serĉas la koncernan viron sed ĝis nun ne



La detruita vitraĵo



La riparita vitraĵo

trovis. La kostojn pagos nia asekuro.

Feliĉe eblis rapide ripari la enirejan pordon ĵaudon la 14an de Marto. La nova vitraĵo estas pli fortika ol la detruita.

---

## Essen atendas vian aliĝon

La 85a GEK okazos de la 8a ĝis la 12a de Majo en la urbo Essen. Aliĝilo estis en la n-ro 5/2007 de la revuo Esperanto aktuell aŭ interrete ĉe www.esperanto.de/gek. Tie vi trovos ankaŭ la provizoran programon. Laŭ la interreta listo ĝis nun aliĝis 73 personoj (laŭ listo de 17.03.2008). Ni esperu ke la nombro ankoraŭ plialtiĝos. Jenaj ekskursoj okazos:



**Lago Baldeney**
Loko por ripozi en la granda kaj moviĝema urbo estas la granda lago Baldeney en la suda parto de Essen. La Baldeneysee estas okulfrapa ekzemplo de la multaj agrablaj anguloj de la urbo. Tuj apude kaj kun rigardo lagen staras Villa Hügel, la iama rezidejo de la fama industria familio Krupp.

**Minejo kaj koaksigejo Zollverein**
La dua ekskurso montros la plej nigran kaj plej "malpuran" angulon de Essen: la minejon Zollverein. Ĝi estis laborejo por miloj da ministoj en la mezo de la pasinta jarcento. Intertempe ĝi fariĝis mondheredaĵo kaj estas alloga vidindaĵo por ĉiuj Essen-turistoj. Multe da kulturaj kaj sociaj aranĝoj okazas tie.






**Haveno de Duisburg**
La celo de la tria ekskurso estos la granda haveno de Duisburg. Ĝi estas la plej granda interna haveno de Eŭropo kaj funkcias kiel ŝanĝejo por iu ajn varo dum ĝia transporto tra la mondo.

## Nia programo

| **Aprilo** | |
|---|---|
| **3** | Erika Dobrzynski: Ses semajna estado en **„Bona Espero"** (Brazilo) |
| **8** | Mardo: 16 - 18 h: „Esperanto für Anfänger" en la universitato<br>La kurson gvidos Frank Merla. Necesas aliĝo. |
| **3** | **Publikaĵoj de Rudi Haberlande** el multaj jaroj |
| **11** | Vendredo: 14 - 16 h: „Esperanto für Einsteiger" en la universitato<br>La kurson gvidos Irmgard Schneider. Necesas aliĝo. |
| **17** | Horst Schickschneit: **Mia hobio - la abeloj** |

| | |
|---|---|
| **24** | Vesna Staniĉiĉ-Burchards: **Teatra grupo en Zagrebo**<br>pri la drama sekcio en Zagreb kaj ankaŭ unu kompleta prezentaĵo per DVD |
| | |
| **26** | Sabato: 10 - 20 h **Europamarkt** ĉe Gänsemarkt - helpo bezonata, anoncu vin ĉe Ralph Glomp: T. 040/68 91 53 60 |
| **27** | Dimanĉo: 14 - 17 h: **Esperanto Schnupperkurs** - Die erprobte Methode für Einsteiger |
| **Majo** | |
| **1** | **Ĉe-Ellen-ir-tago**<br>15 h: Ni renkontiĝas ĉe metro-stacio "Horner Rennbahn" kaj promenos de la Esperanto-arbo al la klubejo.<br>16 h: Kafo kaj kuko en la klubejo. Elsbeth Wielgus rakontos pri: **Kiu estis Ellen Eggers?** |
| **8** | Alvaro Cortes: **Esperanto en la interreto** |
| **15** | Partoprenantoj raportas pri la **85a Germana Esperanto-Kongreso** (GEK) en Essen. Anoncis sin ankaŭ nia honora membro d-ro W. Bormann. |
| **22** | Mariko Aoshima kaj Gerald Roemer: **Raporto pri vojaĝo tra Kroatio** |
| **29** | Jürgen Wulff: **Kiel bonaj kaj malbonaj emocioj influas nian korpon.** Poste: la "korspirado" kiel simpla sed efektiva metodo por malstreĉiĝo kaj emocia ekvilibro. |
| La klubo vivas ankaŭ per viaj kontribuoj. Tial anoncu vin se vi volas fari prelegon aŭ legi el interesa Esperanto-libro aŭ simple rakonti el via interesa Esperanto-vivo. | |

**La vespero de tri kontinentoj**

Pro la riĉa eduka oferto de la urbo Hamburg, nia klubo havas eblecon gastigi la esperantistojn, kiuj lernas en hamburgaj edukejoj. Je la 17-a de januaro vizitis nin du eksterlandaj gastoj, kiuj lernas en Hamburgo: universitata studento *Bill Mak* de Hongkongo kaj la instruistino de la germana lingvo *Rita Cauzz*o de Brazilo.

Bill interese prelegis pri ĉina tradicia instrumento gukamo. Gukamo (*guqin* en mandarena ĉina lingvo aŭ gukam en la kantona ĉina lingvo) estas unu el la plej malnovaj muzikiloj en Ĉinio kaj

ankaŭ la mondo). La nomo mem signifas antikva kord-muzikilo. Lau la rekordo, ĝi havas historion pli-ol-3000 jaran.

La muzikilo estas tre simpla: lignopeco kun sep kordoj streĉitaj sur ĝi. La lud-maniero tamen povus fariĝi tre malfacila kaj subtila. La antikvaj ĉinoj konsideras la ludarton de gukamo unu el la kvar nepraj studoj por ĉiuj kleruloj (aliaj tri estas go-o, kaligrafio kaj pentrado). Oni diras ke en gukam-muziko, oni spertas la plej belan kaj subtilan formon de ĉina arto.

En Tang dinastio (8a jarcento p.K.), gukamistoj kreis notacian sistemon por la muzikilo, unu el la plej fruaj muzik-sistemoj konataj en nia mondo.



En 1977, la NASA-a kosma veturilo Voyager por sia trans-galaksia vojaĝo kunportis muzikon de homaro kiu inkludas interalie la gukaman muzikaĵon "Fluanta akvo" luditan de fama gukamisto Guan Pinghu.

En 2003, por protekti kaj disvastigi tiun ĉi raran artformon en kaj Ĉinio kaj la tuta mondo, UNESKO anoncis ke Gukamo fariĝu heredaĵo de homaro.

Rita parolis pri ŝia laboro kiel instruistino de la germana lingvo en la elementa lernejo. La vespero finiĝis per komuna foto.

*Sylvia Pöhlmann* (kun la kontribuo de Bill Mak)

---

# Ralph Glomp kun propraj programoj

Vi eble scias ke nia vicprezidanto Ralph Glomp ne nur okupiĝas pri la klubo sed estas kantisto kaj aŭtoro. Li ĵus eldonis novan germanlingvan kompaktdiskon kaj havos premieron kun propra germanlingva teatraĵo.




La 6an de April 2008 vi havos la eblecon spekti propran programon de Ralph en Maritim Seehotel en la mara kuracloko Timmendorfer Strand. La germanligva programo komenciĝos je 19:30 h kaj kostos 20 €.

La germanlingva teatraĵo "Leichenschmaus" videblos la 19an de Aprilo sur la scenejo de la urba muzeo de Bad Schwartau kaj komenciĝos je 20 h. La enirprezo estas 9 €.

Pliajn informojn vi ricevos de Ralp Glomp mem.

---

# Jubilea Jarkunveno de DEA

La 18an - 20an de Aprilo invitas Dana Esperanto-Asocio (DEA) al la 100-jara jubileo. Oni estos en la Kulturdomo Bispebjerg Nordvest, Dortheavej 61 en Kopenhago. Estos interesa programo (laŭ informoj de

la revuo Ponto):

**Vendredon la 18-an de Aprilo**

14.00 Enkonduko, Bonvenigaj vortoj, Oficialaj salutoj, Festparolado, Koruso, Junulara programo, Rememora trarigardo
16.30 Inaŭguro de ekspozicio pri la dana movado dum 100 jaroj en la 3a etaĝo de la Kulturdomo
18.00 Bankedo.
20.00 Koncerto - la fama muzikisto JOMO distros la partoprenantojn.

**Sabaton la 19-an de Aprilo**

09.30 **Detlev Blanke: Lingvopolitiko per Esperanto.** La esperanta lingvo komunumo ne konscias pri la manko de sufiĉe sistema lingvo-politiko por sia lingvo, internen kaj eks-teren direktitaj. La prelego pritraktos la gravecon de ambaŭ direktoj kaj koncentriĝos pri la problemoj en sciencaj medioj.
10.40 **Anna Lowenstein: Esperanto kiel familia lingvo.** Ekzistas en la mondo proksimume mil familioj, kiuj uzas Esperanton kiel familian lingvon. Kiajn problemojn ren-kontas tiuj gepatroj, kiuj deziras paroli esperanton kun siaj infanoj, kaj kiujn solvojn ili trovas? Kiuj servoj ekzistas por helpi ilin?
12.00 Lunĉo
13.30 **Mogens Rude Andersen: La dramoplenaj tagoj de Montevideo.** La preleganto rakontos la historio malantaŭ la rekono de la Internacia Lingvo fare de UNESKO en 1953.
14.30 **Wera Blanke: Publike paroli.** Kontribui al diskuto en pli aŭ malpli granda rondo ne estas ĉiam facila tasko. Multaj homoj eĉ ne kuraĝas partopreni publikan diskuton. Dum multjaraj propraj observoj la prelegantino kolektis spertojn pri kelkaj teknikaj atentoj kiujn ŝi pretas dividi kun vi.
16.00 **Renato Corsetti: La malbona lingvo aŭ la eŭropa dia-lek-to de Esperanto.** Zamenhof faris lingvon leksike europa sed funkcie Ne europa, en kiu la rilato inter vortoj venantaj el la sama Radiko estas fiksita kaj farebla nur per la rimedoj de Esperanto mem. Parolantoj de hindeuropaj lingvoj ne komprenis tion, kaj Neniu instistis pri tio, pro kio ili provis laŭgrade transformi Esperanton al dialekto de franca aŭ de la angla.
17.00 **Anna Lowenstein: Antaŭ 2000 jaroj.** Ilustrita prelego pri la vivo de la antikvaj romanoj.

18.00 Forveturo al Tivoli por vespermanĝo.

**Dimanĉon la 20-an de Aprilo**

09.30 Ekskurso tra la urbo
09.30 Ĝenerala kunsido de DEA kaj ĝenerala kunsido de DEJO.
12.30 Lunĉo kaj adiaŭo.

Se vi volas partopreni en tiu unika evento, bovolu peti aliĝilon de Sten Svenonius, Vendelsfridsgatan 4 c, 212 14 Malmö, Svedio. Tel.: +46-40-191477

---

## UEA centjara

Ĉi-jare Universala Esperanto-Asocio (UEA) fariĝas centjara. Do estas bona ideo festi tiun jubileon kun aliaj Esperantistoj dum la Universala Kongreso en Rotterdam. Al la kongreso aliĝis laŭ la retejo de UEA ĝis nun 1395 personoj el 62 landoj. Aliĝilon vi rete trovos ĉe www.uea.org/kongresoj




---

## Hispanaj Frandaĵoj

Karaj kuiremantoj,

post unujara paŭzo mi denove ofertas novan kuirkurson. Ĉifoje ni kuiros kune bongustajn hispanajn "Tapas kaj aliajn frandaĵojn".

Jen la necesaj detaloj:

- Dato: Sabato, la 21a de Junio 2008, 13:00 - 17:00 h
- Partoprenantoj: 5 ĝis 10 personoj
- Prezo: 10 € (inkluzive de la materialoj)
- Bonvole aliĝu plej malfrue ĝis la 12an de Junio (Jaŭdo)
- Aliĝu per la papera aliĝilo aŭ per retpoŝto al info@esperanto-hamburg.de



Mi kore atendas vian partoprenon.

*Mariko Aoshima*

Re al Esperanto en Hamburg